47 Num. ★ Madrido - Marto - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



BOHEMA LANDA MUZEO EN PRAHA

majesta palaco leviĝanta en la supra parto de vasta placo de Venceslao, estas sidejo de la Bohema Akademio de Sciencoj. Antaŭ ĝi vidiĝas la rajdstatuo de S-ta Venceslao. Krom granda biblioteko (300.000 volumoj) troviĝas en la muzeo la arĥivo kaj la kolektoj: numismatika, arĥeologia, etnografia, zoologia, mineralogia kaj paleontologia. En Praga estas kelke da muzeoj dediĉitaj al specialaj fakoj de scienco, kiel ekz. muzeo de belaj artoj, la industria kaj la artindustria, la etnografia, pinakotekoj kaj dekoj da bibliotekoj, inter kiuj tiu de la universitato enhavas duonmilionon de volumojn.



URBA DOMO EN PRAHA

kies plej malnova parto devenas el la 14-a jarcento, formas per sia gotika fasado la okcidentan flankon de la historia «placo de malnova kvartalo». Sub ĝia balkono estas per blankaj pavimŝtonoj signita loko, kie estis elkonstruita eŝafodo, sur kiu oni senkapigis 27 bohemajn eminentulojn, ribelintajn en la j. 1621 (post batalo sur la «Blanka monto») kontraŭ la perfortiganto de la bohema nacia libereco, la habsburga reĝo. Sub la turo (60 m) estas lokita la astronomia horloĝo. Vizito de la ĉambroj en la urba domo estas rekomendinda; estu citítaj inter aliaj rimarkindaĵoj du famaj bildoj de Brozík (Broĵik): Hus antaŭ la eklezia juĝantaro en Konstanz kaj Elekto de Georgo de Podebrady bohema reĝo.

# Inter la Ĉekoslovakoj

Neniel pretekstante verki sciencan artikolon, la aŭtoro de la sekvantaj linioj volas al sia pacienca legantaro kaj al la estontaj gastoj de Praha diri kelke da informoj, eble utilaj por ilia projektata vojaĝo al la kongreso.

En la tuta mondo vi renkontos Ĉekojn; en Ameriko mem vivas da ili eble du milionoj. La inklino studi laŭ vivo, perfektigi sian scion per direkta rilato kun la fonto serĉebla ofte ekster la landlimo kaj ellerni tiukaŭze fremdan lingvon estas la bazo sur kiu multaj filoj de tiu ĉi nacio laboris kaj sukcesis atingi sian bonfarton, helpante samtempe plialtigi la nivelon materialan kaj moralan de siaj samlandanoj. Tial oni povas klarigi al si la intereson kun kiu ili akceptis Esperanton.

La plej granda parto de Ĉekoj profitas sian libertempon farante ekskursojn – se la

ASTRONOMIA HORLOĜO EN PRAHA

konstruita en la jaro 1490 de majstro Hanuŝ, ne havis en tiu tempo rivalon en la mondo. Post morto de Hanuŝ restis la horloĝo dum pli longa tempo difektita, sed nun ĝi funkcias de post la jaro 1866 regule, altirante ĉiuhore atenton de preterpasantaj fremduloj.—Pri la komplikitaj movoj de la ciferplatoj, montriloj kaj pli ol dudeko da figuroj aperos baldaŭ en Esperanto detala verko de prof. dr. Václav Rosicky, konata samideano el Praha. (Ankaŭ en aliaj urboj oni trovas pli malpli komplikitajn horloĝojn de tiu ĉi speco, ekz. en Olomouc en Moravio el j. 1419, Nürnberg, Bern, k. a.)



tempo kaj aliaj cirkonstancoj ne permesas al ili entrepreni vojaĝon eksterlanden - almenaŭ en sia patrujo, kaj eĉ la studentoj de mezaj lernejoj renkontas po centoj da rifuĝejoj (senpagaj), starigataj por ili dum la vakancoj en la lernejoj de ĉiu vizitinda urbo.

Strangan aspekton havas la ĉefurbo Praha la dimanĉojn: kvankam ne estas tie konata aŭ pli bone dirite praktikata la «angla dimanĉo» —la absoluta ripozo en ĉiu fako de la vivo - tamen post la tagmezo iom post iom oni rimarkas, ke la loĝantaro malsaperas, la stratoj senviviĝas: po centoj kaj miloj pleniĝante la vagonarojn, ŝipojn kaj tramveturilojn, la ekskursantoj forlasas la urbon por ĝui en la ĉirkaŭajo la naturon, kiu per sia freŝa aero kaj abundaj koloroj logas sendistinge la riĉan kaj malriĉan, la junan kaj maljunan. Kun proksimiĝanta nokto repleniĝas la stratoj de karavanoj da familioj...

Plua specialajo renkontata inter Ĉekoj estas la inklino partopreni en la agado de societoj. La skribanto konas neniun samlan-

danon, kiu ne estus almenaŭ en unu societo enskribita kiel membro. La societoj gimnastaj, sportistaj, popoledukaj, por turismo, politiko, fakaj, teatraj ktp. estas en ĉiu urbo kaj urbeto. En Praha mem estas da ili pli ol mil. Samprave estas citinda tiuĉiloke ilia amo al libro: estas neniu, kiu ne havus sian bibliotekon, kiu ne estus abonita je «sia» gazeto aŭ revuo. En la jaro 1910 estis en Bohemujo mem 4500 publikaj bibliotekoj kun 1.600.000 volumoj, administrataj de la komunumoj, kaj 2000 apartenantaj al societoj, krom 180 legejoj. En Moravio kaj Silezio ekzistas 3400 bibliotekoj. Laŭ la nunaj leĝoj de la Respubliko devas ĉiu departamento fondi publikan bibliotekon kun sekcio scienca kaj sekcio «cirkulanta».

La fondado de bibliotekoj estos precipe utila en Slovakujo, kie dum la regado magiara la lingvo slovaka estis ĉiel subpremata kaj kie la Respubliko fondis en la unua jaro de sia ekzisto 2700 lernejojn kun lingvo instrua la slovaka, garantiante tiel al ĉiu loĝanto la rajton esti edukata en la gepatra lingvo.

La legemo estas inter Ĉekoj tiom disvastigista, ke eĉ la kafejoj aspektas legejoj. Fremdulo, kutima vidi en kafejo plej ofte bruan societon, ludantojn, tumulton de trairantoj, estas surprizita, enirante en kafejon ekz. en Praha: krom aparta salono por bilardludo ĉiuj tabloj estas okupataj de legantoj; la kafo kun lakto estas tieldire flanka motivo por eniri la vera kaŭzo estas la amasego da ĉiulandaj revuoj kaj gazetoj kiujn ordigas apud la gasto la ĉefkelnero, zorganta, ke la kelkfoje plimulthora restado de la gasto-leganto ne estu interrompataj de paŭzo en la legado. Ĉiu pli granda kafejo abonas kelke da centoj da gazetoj.

Plua notindaĵo, je kiu oni povas atentigi, estas la rimarkinda nombro da publikaj parolado) anoncataj ĉiutage en speciala sekcio de la gazetoj. La temoj estas plej diversaj, ampleksante same la demandojn politikajn, sciencon kaj ĉiuspecajn aktualaĵojn.

Sampaŝe ripetiĝas ekspozicioj, kiuj sekvas unu la alian preskaŭ regule. Ekzemple en tiu ĉi tempo post la II. «Veletrh» (Foiro de Specimenoj) ĉe kiu partoprenis pli ol 3.000 firmoj, en Praha, jam estas preparata ekspozicio de agrikulturo kaj tuj poste tiu de aŭtomobilismo kaj aviado, ne parolante pri malpli grandaj ekspozicioj, kiel ekz. la artistaj kaj la regionaj.

E. K.—Praha.

*(Daŭrigo).*

---

# PUBLIKA DEKLARO

De Oktobro 1919 mi estis membro de la «Esperantista Akademio». Mi apartenis al ĝi en la konvinko, ke sur la bazo de «Esperantida» estos ebla la unuiĝo de Esperanto kaj Ido. Eĉ en Julio mi skribis al la «Esperantida Akademio», ke mi intencas fondi «Esperantidan Oficejon» en mia urbo. Tamen la lastaj sukcesoj de Esperanto, precipe la sukceso ĉe la Kongreso de Internaciaj Asocioj en Bruselo, pruvis al mi evidente, ke la Idista danĝero estas trotaksata kaj ke la esperantismo por venki bezonas nepre *lingvan stabilecon kaj unuecon en sia propra tendaro.* Veninte al tiu konkludo, mi deklaras mian eksiĝon el la «Esperantida Akademio», ĉesas esti delegito de Esp-ida kaj gvidi Esp-idan Oficejon. *Mi propagandas denove nur Esperanton.* S-ron de Saussure mi petas sur tiu ĉi vojo publikigi en sia organo pri mia propravola eksiĝo kaj mi esprimas la deziron, ke li ne plu uzu mian nomon por siaj lingvaj projektoj. *Roman Dabrowski.* Rzeszow. Polujo, str. 3. Maja 12. Ankaŭ S-ro *Weferling*, esperantida akademiano, eksiĝis el flanko de S-ro Saussure.

---

## NOVA TEMPO

la mezeŭropa esperanta kulturgazeto, sendependa, ankaŭ je via dispono, eliras monate. Postulu senpagan kajeron. Adreso: «Nova Tempo» str. Mollardgasse, 55. Wien. Aŭstrujo.

# Esperanto kaj la Ligo de l' Nacioj

(ELĈERPITAĴO)

Jen ĉefaj paragrafoj el parolado de Charles Sarolea profesoro de Franca Lingvo kaj Literaturo, en Edimburgo (Skotlando):

Li komencis pritraktante la kialon kaj komencon de la milito, kaj diris: Unu el niaj celoj por ekmiliti estis forigi la diablojn imperialismon, naciismon, fipatrujismon, k. c. Sed tiuj diabloj invadis pli ol dudek naciojn. Antaŭ nelonge diris Robert Cecil ke nun estas en Eŭropo pli da eksploda materio ol iam ajn.

Ni kreis pli militajn kialojn, ol ni eligis. Ni pligrandigis politikajn, naciajn kaj rasajn malamojn, kies plej klara signalo estas la diverseco de lingvoj.

Kie ni volis kunigi, ni malkunigis, kaj nun ni vidas ĉe l' Orienta kaj centra Eŭropo ion, kio nur estas batalo de lingvoj. Ĉar aperis pli ol dudek nacioj, kiuj interbatalas kaj ne volas helpi unu la alian por homaj celoj, nur pro tio ke ili parolas lingvojn malsamajn. Ili faris el idiomo fetiĉon.

Oni devas solvi tiun problemon. Estas necese venki tiun lingvan baron, kiu haltigas la progresadon de du trionoj de Eŭropo. Estas necese, ke la Ligo de l' Nacioj decidu la lingvon por la nova diplomatio, por kies sukceso estas nepra la uzado de Esperanto.

Franca lingvo havas historian kaj moralan gravecon, sed malgraŭ tio dum la jus okazinta konferenco por la Paco, kvankam ĝi okazis en Francujo, en venkinta Francujo, oni ne uzis francan lingvon pro ĝia malfacileco, Wilson kaj aliaj konferencantoj ne povis lerni ĝin dum malmulta tempo.

Al ĉiuj naciaj lingvoj okazas la samo. Ili estas tro malfacilaj, por lerni ilin bone.

Pro la sama kialo, latina lingvo malsukcesis kiel internacia lingvo, malgraŭ la klopodoj de la universitatoj de la tuta mondo dum la mezepoko.

Esperanto estas la solvo, pro sia facileco kaj neŭtraleco.

Se oni volus elekti, kiel internanian, ian nacian lingvon, ĉiu granda nacio dezirus altrudi la sian, kaj krom la franca lingvo kaj la nia (angla). Aspirus la elekton la germana, rusa, itala, hispana, araba..., kaj neniu suferus la elekton de alia lingvo, tial ke akcepti ĝin signifus kunhelpi por la superrego de la responda popolo. Post ia tempo, tia solvo naskos la militon.

Kaj kvankam malgrandaj nacioj ne postulus ankaŭ la elekton de la siaj, kio okazas nun je la komenco de la paco? Finno bezonas koni ok lingvojn por kompreni siajn najbarojn. Kiom da intelekta klopodo perdata!

La lingva problemo estas la ĉefa en Centra-Eŭropo. Kiel oni povas ĝin solvi? Ĝis nun estas nur unu sukcesiga solvo.

Mi ja konas la argumentojn kontraŭ Esperanto, sed mi ankaŭ scias, ke argumentoj por ĝi estas multe pli konvinkigaj, kaj preskaŭ ĉio, kion oni diras kontraŭ ĝi devenas de malkompleta kono aŭ tuta nekono de tia lingvo.

Mi estudis dekok lingvojn eŭropajn kaj orientajn, antikvajn kaj novajn, do, kvankam mi ne estus grava filologo, mi rajtas paroli pri tio, kaj mi asertas, ke je la literatura vidpunkto Esperanto ne estas malsupera rilate al ceteraj lingvoj, ĉu naciaj, ĉu antikvaj.

Mi estas konvinkita, ke pro la milito ni vidos gravan baldaŭan disvastigon de Esperanto, kaj antaŭvidante tion mi diras al Esperantistoj?

«Antaŭen! Vi faras gravan servon al homaro ĉar vi faciligas la internacian interkomprenigon kaj malmultenombrigas la kialojn de la milito».

Trad. el angla al hispana lingvo,

*Sidonio Pintado*

Esperante verkis: *Fernando Redondo.*

---

Ĝardenistoj! Ĉiuj, kiuj aprobas celadon por internacia ligo de ĝardenistoj kaj por la eventuala aperigo de la faka gazeto, skribu al S-ro E. Černy en *Olomouc*, 603.—Smetanovy sady. Ĉekoslovakujo.

# Han Ryner kaj Esperanto

La fama kaj eminenta verkisto kaj filozofo Han Ryner revis kaj revas pri lingvo *ideologia* kaj *ideografia*, kiu nur estos skribota, kaj kiun li nomas *langue invar*. Li atestas, ke «estas necesa, por samreligianoj apartenantaj al diversaj nacioj, komuna lingvo; por la internacia kapitalismo (ĉu *dollar* estas la ĝusta nomo de tiu ĉi nobla lingvo?; por la internacia laboristaro, kiu, bone aŭ malbone, skizas la grandan interfratiĝon homan. Ĉi tiu lasta lingvo, ŝajnas al mi, nur povas esti Esperanto»...

...«Decidite firme, mi haltigas miajn laborojn kaj anstataŭ revi pri la *langue invar*, mi lernas la noblan lingvon, kiun donis al ni la homama genio de Zamenhof.» Han Ryner.

---

FERNANDO REDONDO

Staba Komandanto en *Ceuta* (Maroko) por homa kulturcelado deziras koni titolojn de plej rekomendindaj libretoj por unuagrada infana lernejo, verkitaj france aŭ angle, kaj librejojn al kiuj mendi la verkojn.

---

# Dokumento al Provincaj Deputataroj kaj Urbestraroj

POR DUDKEILO

La granda entrepreno sendire enhavata en la fakto havigi al la homoj kaj popoloj de la civilizita mondo unu helpan lingvon, kiu, respektante plene la naturajn kaj la suverenecon de tiuj, kiuj estas esprimorgano de fonditaj ŝtatoj, povus taŭgi aŭ esti adoptata, kiel rimedo de reciproka interkompreno kaj ilo por fortikigi la komercajn kaj sciencajn rilatojn, kiam tiuj ĉi havas universalan karakteron, elrigardis brilege per la *Unua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj*, okazinta en Barcelono la lastajn tagojn de Junio de la pasinta jaro.

Ĝiaj organizintoj ageme laboris kaj laboras je la konfido vidi sia tempe starigita la *Iberian Esperantistan Konfederacion*, kaj por ke tiu ĉi estu elradianta fokuso de *Internacia Konvencio* stariganta, kun la sankcio de la ŝtatoj aŭ registaroj partoprenantaj, la *Helpan Lingvon Esperanton*, kiel taŭgan kaj decan rimedon, kiam tiuj komercaj kaj sciencaj rilatoj havos universalan signifon.

La kunveno havis grandan sukceson. Sentinte la grandecon de la entenata idealo, niaj superegaj kamaradoj de la *Aragona Esperantista Federacio* prenis sur sin la taskon organizi la Duan Kunvenon kaj ĝin solenigi en la heroa urbo Saragoso.

Ili laboras jam kun la proverba energio siarasa, kaj kun tiu, kiun postulas la historiaj kaŭzoj kaj faktoj, kiuj fariĝas radiaj lumoj por la estontaj generacioj.

La nobla kaj sindona animo de Aragono vibras kaj donas formon al la sankta entrepreno. Baldaŭ en la fremdaj landoj ĝi vekos grandegan kaj transiran respektan senton.

Kun plena konscio de la propa grandeco kaj la ĝusta sensacio de la glora paĝo, kiun ni skribas en la historio de la interpopolaj rilatoj, la elementoj subskribantaj ĉi tiun dokumenton, kun la difinita reprezento, kiun ili surportas, en solena kunsido unuanime decidis adresi ĝin al la superega Korporacio, kiun vi inde prezidas, kun la fervora peto, ke ĝi konsideru kaj decidu la sekvantajn proponojn.

1.ª Aliĝi al la Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj, okazonta en Saragoso je la lastaj tagoj de la venonta majo.

2.ª Enskribi sin, kiel kunvenanon, kaj donaci etan monsumon al la efektiviganta Komitato aganta en la dirita urbo.

3.ª Atesti en akto la prenitajn decidojn kaj elekti siatempe oficialan reprezentantaron de via honorinda korporacio por ke ĝi ĉeestu la malferman laborkunsidon de la kunveno.

Ni kunsendas ekzempleron de la senditaj cirkuleroj, kaj ni esperas ke la nobleco de la entrepreno kaj la ĝentileco de la Korporacio, al kiu ni nin turnas, faciligos la aprobon de la diritaj proponoj kaj ebenigos la vojon por realigi la senmortan komision, kiun la entrepreno enhavas.



Saman dokumenton oni adresos al Gravaj Korporacioj kaj Personoj.

---

# NATURO VEKIĜAS

Vintro finiĝas; de la ĉielo
forflugas densa, griza mantelo,
La sun' lumigas Naturon tutan,
Natur' forlasas dormadon mutan.

De l' arboj nudaj en la skeleto
jam sin elmontras la folieto,
jam en l' aero blua kaj hela
tre gaje kantas la birdo bela.

Vento varmeta karesas monton,
fandas glacion kaj faras fonton.
La neĝ' fandita tra la deklivo
estas heroldo de nova vivo.

Ĝi, trapasante, nudas la teron
kaj ame fluas en la riveron;
ĉi tiu saltas apudajn barojn,
nutras floretojn, vestas kamparojn.

Juna printempo malfermos florojn;
junec' revenas eĉ en la korojn,
kaj en dolĉeta, bela vetero
l' Amdio flugas jam tra l' aero.

Jam ĉiu koro estas pli mola,
ĉiu animo estas bonvola...
ŝajnas ke Dio la mondon benas;
estas la vivo, kiu revenas!

*Rafael de San Millán*

# DEVENO DE LA HOMAJ RASOJ

(MAROKA LEGENDO)

Komence ĉiuj homoj estis nigruloj. Negro estis la unua homa estaĵo kreita de Dio. Genegroj estis Adamo kaj Evo kaj iliaj gefiloj kaj genepoj.

Dio kompatis homaron kaj deziris plibeligi ĝin. Por tio li ordonis al homoj, ke ili sin banu en la rivero *Jordan*. La homoj plej laboremaj iris tuj al la rivero kaj banis sin, kaj en la sama momento ili blankiĝis. Tial blanka raso estas plej laborema, plej inteligenta.

La homoj, kiuj alvenis poste, nur trovis la ŝlimon. Ili kuŝis kaj sin agitis en ĝi, kaj flavaj fariĝis, ĉar la koloro de la tiea koto estas tia. El ili devenas flava raso, kiu ne estas tiel inteligenta, nek tiel nerva, nek agema, kiel la blanka raso, sed pli pacienca.

Laste alvenis plej mallaboremaj, malplej inteligentaj. Ili trovis nur iom da akvo per kiu nur povis akvumi la manojn kaj la piedojn. El ili devenas la nunaj negroj, kiuj ankoraŭ ne estas civilizitaj homoj, kaj kies korpo estas ankoraŭ tiel nigra, kiel dum la tempo de Adamo escepte la piedplataĵoj kaj manplataĵoj, ĉar ilin blankigis la akvumado farita.

Esperantigis *Fernando Redondo*

Xaŭen (Maroko).

---

# Indianestro pri Vegetarismo

El rakonto de Schoolcraft pri indianoj de Nordameriko ni ĉerpas jenan paroladon kiun faris indianestro antaŭ sia gento:

Ĉu vi ne vidas, ke la paivizaĝuloj vivas per greno, sed ni per viando? Ke viando bezonas tridek lunturniĝojn por elkreski kaj ofte estas nesufiĉa? Ke ĉiu ajn el tiuj mirindaj grenoj, kiujn la blankhaŭtuloj semas en la teron, miloble reproduktas sin? Ke la es-

tajoj, per kies viando ni nutras nin, havas kvar piedojn por forkuri, dum vi havas nur du por persekuti ĝin? Ke la greneroj kuŝas senmovaj kaj elkreskas sur la sama loko, kien palvizaĝuloj metis ĝin? Ke la vintro, kiu por ni estas la plej malfacila ĉassezono, por ili estas tempo de ripozo? Ne estas miraklo do, ke la palvizaĝuloj havas tiom da infanoj kaj vivas pli altaĝe ol ni. Mi tial diras al ĉiu el ni, kiu volas atenti al mia parolo, ke, antaŭ ol la cedroj en nia regiono estos mortintaj pro altaĝo kaj la aceroj estos ĉesintaj doni al ni sukeron, tiu ĉi grenmanĝantajn, gento anstataŭos nin, la viandmanĝantojn se ni ne prenas decidon, ŝanĝi nian sovaĝan okupon de ĉasado per la trankvila okupo de terkulturantoj.

Tradukis *K. A. Karlstén*

(El «Vegetarano».)

Sekretario de «Vegetara Ligo Esperantista» por Hispanujo estas S-ro Paul Linares (Hto. San Basilio.—Cordoba), al kiu devas sin turni ĉiuj hispanaj vegetaranoj esperantistaj.

---

# XIII Universala Kongreso de Esperanto

## VI KOMUNIKO

Organizas kudvenojn: por filatelistoj S-ro Fleischer; por teosofanoj, S-ro Cimr; por ŝakludantoj, S-ro Hajek, kiu aranĝos ankaŭ vetludon de esperantaj ŝakistoj.

La ĉeĥoslovaka ministerio por eksterlandaj aferoj donacis 5000 k. ĉ., aliajn mondonacojn ricevis la Kongreskomitato, kaj per festoj de ĝi aranĝitaj riĉiĝis la kaso je 7.000 k. ĉ.

Jam aliĝis 131 Esperantistoj.

Konsciu pri la graveco de ĉi tiu Kongreso, pri la alloganta vojaĝo kaj vizito al Praha; atentu pri la antaŭaj komunikoj, kaj ke ĉiuj devas profiti nunan okazon, kiam peseto valoras multe, por aliĝi tuj kaj deponi monon en la Kongreskaso.

## SCIENCISTOJ EN LA 13 KONGRESO

Estas bezone, ke la sciencistoj—esperantistoj havu post longa tempo denove okazon pridiskuti gravajn temojn, kiuj interesas esperantismon egale grave kiel la sciencon. La 13 kongreso estos okazo por tio. Oni certe bone scias, ke la scienca progreso ne efektiviĝas dum sciencistaj kunvenoj, sed oni egale certe scias, ke oni multon profitas aŭskultante saĝajn raportojn pri la akiritaj sukcesoj kaj meditante dum la diskutado, kio nun estas farota kaj antigota. Tre grava, ĝojiga kaj instruema ĝuo estas en la dumkongresa kunveno aŭskulti raportojn pri la ĝis nun atingitaj rezultatoj en la esperanta faka scienca terminologio, kiujn prelegos fakuloj de koncernaj sciencoj. Mi organizos tiajn raportojn laŭ ĉiuj sciencoj kaj petas sinjorojn kolegojn pri afabla sciigo, pri kia scienca terminologio ili estus pretaj raporti (mi mem faros raporton pri la ĥemio). La raportoj eldonitaj poste en libro estos certe instrua lingva verko de esperanto.

Ĉiujn koncernajn proponojn bonvolu afable sendi (kun respondkupono aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al

**Dr. Stan. Kamaryt,**
profesoro de reallernejo en Bratislava,
Telocviĉná 3. Ĉeĥoslovakio.

---

# Gravega Sukceso

Unuanime la Komerca Ĉambro de Paris decidis la jenan rezolucion:

La Komerca Ĉambro de Paris:

I.—Decidas enkonduki la fakultativan instruadon de Esperanto en la Komercaj lernejoj;

II.—Esprimas la deziron, ke tiu ĉi instruado estu ĝeneraligata en Francujo kaj en la eksterlando, kaj ke la komercaj ĉambroj de ĉiuj landoj, zorgemaj plifaciligi la komercajn interrilatojn, favoru la rapidan disvastigadon de la internacia helplingvo.

# Al la Hispanaj Esp. Geinstruistoj

Estas en nia lando multenombraj geinstruistoj esperantistaj, sed malfeliĉe, ili ne laboras efike, praktike. La plimulto opinias plenumi sian taskon apartenante al la loka grupo, regiona federacio aŭ U. E. A. Ne, karaj kolegoj, tio ne sufiĉas; devo nia estas instrui ĉie kaj ĉiam, kaj ĉie kaj ĉiam paroli pri Esperanto kaj iom post iom varbi novajn adeptojn ĉar nia socia rolo estas tre efika por disvastigi la lingvon inter niaj gelernantoj, kaj ni ne faros blinde, aŭtokrate, tial ke ni scias bone la kapablojn de Esperanto por la edukado kaj ni havas Reĝan Ordonon, de la Ministro de Publika Instruado, per kiu li rajtigas nin instrui Esperanto en lernejoj, institutoj, universitatoj kaj en ĉiaj oficialaj instruejoj kaj kvalifikis Esperantan Kapablecon *Oficiala merito*. Do, ni instruu Esperanton post permeso pro peto laŭ la ministra decido; ni ludu rolon, kiu ĉefe devas esti nia, kaj ni kunlaboradu sukcese al oficialigo de Esperanto en nia patrujo.

*Jozefo Artigas*
Nacia Instruisto (Huesca)

# TRA LA MONDO

*Oni Malkovris Iberan Urbon*

En la provinco Pontevedra (Hispanujo), apud urbeto La Guardia, altiĝas monto *Santa Tecla*, kaj sur ĝia supro Iberoj starigis gravan urbon, kiun ili nomis *Abolriga*, kaj kiun arĥeologiisto, S-ro Calvo, nomas provizore «Citania», tial ke ĝi estas simila je aliaj urboj malkovritaj en najbaraj portugalaj regionoj. Oni trovis remparon, dika je kelkaj metroj kun pordo antaŭ kiu staras masivan muron, kiu devigas eniri unue ambaŭflanke tra kvazaŭ mallonga koridoro por atingi la pordon; proksime de tiu ĉi pordo estas grandega ŝtono kun skribaĵo.

La konstruaĵoj estis pli nombraj, ol mil kaj oni daŭrigas la elfosadon sub kompetenta direkto. La arĥitekturo estas simpla sed delikata; la muroj, el ŝtonoj, altaj je unu metro kaj okdek centimetroj, kaj dikaj je kvardek centimetroj, la domoj ĝenerale nur havas unu ĉambron, kaj en iuj la muro ekkurbiĝas de la alteco sepdekcentimetra por formi la kurban plafonon; la planko de la domoj unuĉambraj estas elipsa, sed tiu de malmultaj, kiuj havas du ĉambrojn, estas kastanjetforma. La planko estas la roko mem de la monto aŭ speciala miksaĵo kvazaŭ el cemento kaj ŝtonetoj. Unu domo havas solan fenestron. Oni trovis: maldelikataĵn romanaĵn amforojn, kaj malgrandajn pecojn de iberaj vazoj; tranĉilon kaj falĉilon el bronzo kaj feraĵoj kvazaŭ najloj kaj ŝlosiloj, ankaŭ iujn monerojn de la unua jarcento de nia ero; malmultajn romanajn tegolojn kaj solan pecon da koto *saguntina*; restaĵojn el du tombŝtonoj kun reliefoj prezentantaj vestitajn personojn, kapon de hunda skulptaĵo, kaj ŝtonhokojn eble por ligi ŝnurojn malliberigantajn la bestojn. La amplekso de la plej granda domo, kiu estas ovoforma, estas 7,60 metrojn. Unu el la domoj prezentas periferie de la roka planko kanaleton; alia, kavaĵon en la roka planko, kiel por tombo kaj poluritan konusforman kavaĵon eble por muelejo. Oni asertas, ke la ĉambroj ne estas antaŭaj je la I[a] jarcento antaŭ Jesuo-Kristo.



*Gravaj Elpensaĵoj de Hispano*

S-ro Sixto Ocampo, industria Inĝeniero aplikis selenon (metalo, kiu havas specialan proprecon ŝanĝi sian elektran reziston sub la luma efiko) por nova speciala elpensaĵo la *fotografelektrajn* proprecojn de la metalo. Li elpensis ĉelojn, kiuj estas eksterordinare sentemaj kaj fiksemaj mirinde, kaj kiuj permesas atingi mirigantajn rezultatojn por longaj distancoj kaj malgranda lumeco. La elpensaĵo estas sentema eĉ je milionono de ampero. Ĉi tiu inĝeniero, antaŭ sciencistoj,

faris eksperimentojn aplikante la selenon; li prezentis kelkajn aparatojn, kiujn oni povas manovri je distanco per lumradioj; tute originalan telefonaparaton; ilojn, kiuj estas kapablaj grandigi elektrofluon; kombinon de aparato kun kinematografo por lumaj anoncoj, kaj aŭtomotoron, kiun povas direkti per lumradio, kaj tial aplikebla la procedo al aeroplanoj, torpedoj, k. c. Mirinde estas konsideri, ke liberaj, torpedoj estos altirataj de la lumo de la malamikaj reflektoroj!



*La filozofa Ŝtono Elkaŝita*

La aliformiĝado de la ĥemiaj eroj, la antikva revo fiksanta konstante la penson ĉe la cerbo de la mistikaj ĥemiistoj dum la Mezepoko, ĵus fariĝis realaĵo laŭ la Londona ĵurnalaro diras. Tion atingis la angla fizikisto Ernest Rutherford.

Oni scias, ke la elkaŝo de la *radium'o* ŝanĝis tutplene niajn elementajn konojn pri la natureco de la atomoj de la ĥemiaj substancoj. Oni scias, ke atomo el fero aŭ el oro, ekzemple, estas sufiĉe simila je la suno kun ĝia sekvantaro el planedoj, kompreneble oni ne devos atenti pri la malgrandeco de la atomo, kaj pri la grandeco de la reĝa astro, por sin klarigi tiun similecon. La atomo konsistas el centra astro konsistanta el malgrandaj eretoj entenantaj pozitivan elektron, kaj ĉirkaŭ kiu rondiras, kun rapideco neimagebla, malgrandaj planedoj entenantaj malpozitivan elektron, kaj kiujn oni nomas *elektronoj* (elektreroj). La diferenco inter fera atomo kaj ora atomo konsistas nur el la nombro da *elektronoj* kaj da eroj pozitivaj formantaj ilin, ĉar ambaŭ elementoj estis pesataj kaj formas ĉiajn korpojn. *Elektrono* pezas milmilionona parto el milmilionono de miligramo, kaj ĉi tiun fragmenton el atomo oni ne devas malestimi, ĉar ĝi formas la plej famajn cerbojn kaj la plej belajn korojn de la Homaro.

Kiam atomo entenas grandan nombron da ĉi tiuj malgrandaj planedoj, okazas, pro kaŭzoj ankoraŭ nekonataj, ke unu aŭ iuj el tiuj planedoj malgrandetaj forkuras subite el la altiro de la atoma suno kaj estas forĵetataj al la spaco. Ĉi tio, kvazaŭ eksplodiĝo, kvazaŭ minimuna katastrofo, bruta disiĝo de la atomo, estas precize tio, kion ni konstatas ĉe la *radiumo*: la elektronoj forkurantaj eksteren de l' atomo formas la radiojn «Beta» de la *radiumo*, dum la eroj pozitivaj forkurantaj samtempe formas tiujn, kiujn oni nomas radioj «Alfa» de la radiumo.

Oni scias, ke la radiumo devenas de alia metalo nomata *uranio*, kiu fariĝas *radiumo* post kiam atomo de tiu perdis tri, aŭ eligis tri, el tiuj ĉi malgrandetaj kugletoj. La *radiumo* mem, eksplodinte kvinfoje, kaj paŭinte kugletojn, fariĝas plumbo.

Ĉi tiuj mirigantaj aliformiĝoj liveras al ni admirindan ekzemplon pri ŝanĝo, sed pri propramova ŝanĝo, efektivigita de la Naturo kaj sur kiu la homo neniom influas. Per neniu el la rimedoj uzataj kaj uzitaj de la fizikistoj, ĉi tiuj estis povintaj akceli aŭ prokrasti la rapidecon per kiu la *radiumo* kaj aliaj similaj substancoj transformiĝas.

Ĉi tiun sekreton ĵus elkaŝis Ernest Rutherford, uzante, por bombardi kaj sekci stareman atomon, la plej potencan, la plej energian el la kugloj ĝis nun konataj, tiun, kiun precize formas la radioj «Alfa» de la *radiumo*. La malgrandetaj kugloj formantaj tiujn ĉi radiojn posedas rapidecon komencan je 20.000 kilometroj po sekundo. Tial, bombardante per ĉi tiuj radioj la atomojn de la gaso azota (ĉefa elemento de la aero), Rutherford estas atinginta disigi ilin, la azotajn atomojn, kaj formi el ili atomojn hidrogenajn, hidrogenan gason. Ĉi tiu eksperimento estas la unua transformiĝo efektivigita de la homo, kaj elpruvas, ke oni povas elpreni el atomo parton el ĝiaj malgrandetaj eretoj formantaj ĝin.

Tial por fabriki oron, kaj efektivigi la revon de l' mezepokaj kaj antikvaj ĥemiistoj, sufiĉos elpreni el la atomoj de la bismuto du el ĝiaj eroj «Alfaj», aŭ el la atomoj de la plumbo du el ĝiaj eroj «Alfaj» kaj unu el ĝiaj eroj «Betaj». Oni supozas, ke

ĉi tio estos ebla baldaŭ, kaj, kvankam la procedo por fabriki oron rezultos pli karega, ol konvenas al ĉiuj ambiciantaj riĉiĝi, oni povos diri, ke oni trovis la *filozofan ŝtonon.*



*Rimarkinda Elpensaĵo*

S-ro Sanz Moreta, kuracisto de Badaj(ĥ)oz (Hispanujo), elpensis aparaton, kiun li nomas «tiflografo», kaj kiu taŭgas por ke la blinduloj lernu legi kaj skribi.

La tieaj komitatoj pri Saneco kaj Instruado varme laŭdis la elpensaĵon.

La elpensinto ricevis el Usono proponon por vendi la aparaton, oni proponis al li 100.000 dolarojn, sed li rifuzis ĉar li rezervis ĉiujn rajtojn por Hispanujo, kaj doni senpage aparatojn al Bonfaraj Institucioj por blinduloj.



*En la Lando de la Pigmeoj*

Oni scias, ke en Afriko estas lando, en kiu loĝas pigmeoj, sed ke ĉi tiuj estas tiel nesocietemaj rilate ceterajn gentojn, ke neniu povis iam starigi rilatojn kun ili kaj eĉ koni ilin. S-ro Sydney Fairbairn, el Anglujo, ĵus finis vojaĝon de Okcidenta en Orientan Afrikon, tra la Kongo ĝis Bombasa. Li alvenis al la lando de la pigmeoj, kaj sukcesis restadi ĉe ili, ĉar ilia reĝo Afokoso invitis la blankulojn tial ke ĉi tiuj regalis multajn pigmeojn kaj donacis al ili, salon, bieron, tolaĵojn k. c., pro kio la pigmeoj iris ĝoje en sian vilaĝaĉon kaj rakontis la okazintaĵojn. La staturo de la pigmeoj estas tri piedoj kaj duono maksimume, bele formitaj kaj tre vilhavaj: la kapo kaj vizaĝo de tiuj homoj aspektas same, kiel tiuj de la fantaziaj gnomoj; la virinoj estas malpli bele formitaj, ol la viroj, sed tiuj havas tre malgrandetajn piedojn; ili kantas tiel agorde kaj per tia tono, ke iliaj kantoj diferencas ĉiuj kantoj afrikaj, kaj ili formas perfektajn ĥorojn, kaj la impreso por la aŭskultantoj estas sama, kian kaŭzas orgeno de iom malproksime. La dancoj estas amdancoj kaj ĉasdancoj. La pigmeoj havas siajn hejmetojn disigitajn ĉe la arbaro laŭ grupoj el du aŭ tri dometoj, kaj ĉi tiuj estas belegaj, el kanoj kaj folioj, altaj je kvar piedoj, kaj malfacile oni distingas ilin ĉe la arbaro. La loĝantoj eniras kaj eliras kvazaŭ bestetoj.



*Grando de la Stelo «Alfa».*

Profesoro Alberto Michelson legis, en la Amerikana Societo pri Fiziko de Ĉikago, raporton pri perfektigo de metodo por mezuri diametron de la steloj. Li deklaris, ke la estelo «Alfa», unua de la konstelacio Oriono havas diametron longan je 260 mejloj, t. e., ke Oriono estas tricent fojojn pli granda, ol la Suno.



*La Lando de la Dragonoj.*

Tiuj timigantaj bestoj, kiuj aperas pentritaj aŭ broditaj sur ĥinaĵoj, kaj kiujn oni kredis produktaĵo de fantazio, ekzistis. En la grotoj de Itchang oni ĵus elkaŝis skeletojn de serpentoj prahistoriaj, longaj je dudekkvin-tridek metroj, kun mallongaj kruroj kun armitaj per ungegoj.



*La Radioj X kuracas Krimulojn.*

De antaŭ multe da tempo oni kredas ke premado de la kranio sur parton de cerbo kaŭzas emon al krimo al individuoj suferantaj la premadon. Tial, la estroj de la malliberejo de Michigan (Usono) fotografas la cerbon per radiaj X kaj tiel konas ĉu la kranio premadas la cerbon ie, okaze de premado, oni operacias la kranion por malapergi la premadon. Poste eĉ oni komunikas al la juĝisto, ke la krimulo ĵam ne havas emojn al krimo kaj ke oni devas liberigi la resaniĝiton.

# BIBLIOGRAFIO

Ĵus aperis unua broŝuro «Homaro» entenanta «Deklaracio pri Homaranismo» de la Majstro, elĉerpitajon el Propono de novzelandano H. E. Hyde por starigi firme la pacon, tradukajon de hispana artikolo «Profiloj de la ĵus pasinta milito» (Tragedio de Francisco Jozefo), kaj «Pensojn kaj Antaŭparolon de la «Civitanoj de la Mondo». La tuta enhavo estas tre interesa, kaj la celo estas starigi Homaranismon akceptante la Deklaracion de la Majstro kiel Konstitucion kun Internacia Parlamento, Internacia Tribunalo kaj Internacia Militistaro, per unuiĝo do ĉiuj internaciaj societoj celantaj firman Pacon. Unu specimeno 15 centima poŝtmarko, du specimenoj 25 centima poŝtmarko, por enlandanoj; du specimenoj unu respondkupono, por fremdlandanoj. Centon, dek pesetoj; du dolaroj; dek ŝilinĝoj; dudekkvin frankoj. Petu al S-ro J. Mangada. JACA (Provinco Huesca). – Hispanujo.



Brita Literatura kaj Debata Societo entreprenis eldoni «Fakajn Vortaretojn». Jam aperis I^a^ kaj II^a^; la I^a^ koncernas terminojn por fabrikado de ombreloj; la II^a^, terminojn por la komerco pri petoj. Ĉi tiu entrepreno estas laŭdinda ĉar celas teknikajn vortarojn. «Faka Vortareto» kostas unu respondkupono. Petu ilin ĉe 17 Har Street. London, W-C. 1.



«Die Welthilfssproche Esperanto in zwei Wochen» (Internacia Helplingvo en du semajnoj), de A. Pankratz tre praktika lernolibro, havebla ĉe Nowe Tory (la Novaj Vojoj) en *Bromberg* (Bydgoszcz) Polujo. Prezo: 5 markoj germanaj.



«La Libereco de Konscienco kaj la Tutmonda Framasonaro» de A. S. Luys, tradukita de F. Delgarbo; unu respondkupono; havebla ĉe S-ro Frans Schoofs. – 45 Kleine Beerstraat. – *Amberes* (Belgujo). Ĝi estas tre interesa broŝuro 19 paĝa, bone tradukita al nia lingvo.



La Esperanta Oficejo Finnlanda ekeldonis Muzika Biblioteko Esperanta'n, kies unua kajero «Kia Stranga, Forta Voko» entenas kanto por miksita ĥoro, kompo nita de la eminenta finna muzikisto H. Klemetti, al la vortoj de esperantista poeto D-ro Stanislao Schulhof. La versaĵo kaj muzikaĵo estas inda je la Esperantistoj. 3 respondkuponoj ĉe la dirita Oficejo. – Kasarminkatu, 20. Helsinki.



«Ses noveloj» el la hungara literaturo—Esperanta presejo de Markovits kaj Garai. Budapest—estas malgranda kolekto de noveloj, kiuj, laŭ noto de la eldonisto, ne estis «zorge elektitaj» kaj jam ĉi tio estas bedaŭrinda. Ili estas elĉerpitaj el malnovaj numeroj de la gazetoj «La Verda Standardo» kaj «La Revuo».

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelono.** - Ĵus oni fondis la gravan «Barcelona Esperanta Societo» Strato Pelayo, 42—kaj la fondintoj decidis: organizi ĉion necesan por solenege okazigi la inaŭguracion; kunveni tuj por sciigi laborplanon kaj celon de la Societo por akcepto de Esperanto por komercaj kaj sciencaj rilatoj; intensigi la kunlaboradon kun la organizantoj de Dudkeilo por ĝia plej granda sukceso; prezenti al ĝenerala kunveno por konfirmo la komitaton konsistantan el: S-ro Rómulo Rocamora (Advokato kaj Nacia Instruisto), Prezidanto; S-ro Jozefo Serrat Parés (Prezidanto de la Barcelona Komitato par gastigo de malsataj aŭstriaj infanoj, Vicprezidanto; S-ro Francisco Gorgues Torredeflot (Deleg. de U. E. A.), Sekretario; S-ro Jozefo Anglada Prior, Vicsekretario (ankaŭ de la antaŭdirita Komitato); S-ro Ludoviko Batet Judé, Kalkulisto; S ro Pedro Mayol Aymeric (Eksprezidanto de la Grupo «Aŭroro») Trezoristo; S-ro Aŭgusteno Ferrer Calvo, Bibliotekisto; S-roj Claŭdio Planell Argemi (Pastro), Manuel de J. Naranjo Vega (Doktoro pri sciencoj kaj helpanta profesoro en la Barcelona Universitato), Johano Blanc Francés (Eksprezidanto de la Grupo «Esperanto kaj Patrujo») kaj Johano Campdelacreu (Eksprezidanto de la Grupo «La Rondo»), Voĉdonantoj; S-ro Esteban Claramunt Pamies, Librotenisto kaj Revizisto, kaj S-ro Roberto Cassas (Advokato kaj Licenciato pri Filozofio kaj Beletristiko) Asesora Advokato.

Ĉi tiu grava Espe. Societo ageme laboradas kun sukceso altirante al Esperantismo la atenton de la Barcelonaj rondoj kaj ĝia laboro kun tiu de la Komitato de Dudkeilo promesas gravan proksiman sukceson.



**Las Palmas** (Canarias).—La ĉi tiea Grupo entuziasme laboras. nia samideano Ludoviko Berdonces aktive propagandas per paroladoj en kelkaj societoj.



**Córdoba.**—S ro F. Serrano Olmo kaj aliaj samideanoj, sentante korprofunde la doktrinon de la Majtro ĵus fondis Societon pri Kulturo kaj Sindonemo. La Societo jam eldonis milojn da folietoj kontraŭ tabako, alkoholo, viando kaj ĉasado.



## EKSTERLANDA

**Kubo.**—La tutmonda revekiĝo de Esperanto skuis la dormemon de la Esperantistoj de Kubo, kiuj varme reflagrigas la verdan flagon de la homamaj doktrinoj de nia kara Majstro. Post kunveno de la samideanoj de la Habana en la «Centro de Dependientes» oni decidis: restarigi la Grupon kaj intensigi ĝenerale la propagandon kaj speciale en la ĉefurbo; malfermi kurson en la dirita *Centro*, tute senpage; malfermi informejon pri Esperanto por ĉiuj personoj dezirontaj koni Esperanton, en sama loko, lundoj kaj ĵaŭdoj de la oka kaj duono vespere ĝis la deka nokte.



**Danzig.**—La ĉi tiea gazetaro konstante raportas pri Esperanto, kaj tio ĉi pruvas la

progreson de nia kara lingvo en la libera ŝtato. Danziga Esperanto Asocio fervore kaj aktive agas. Oni povos sin turni al S-ro Bruno Ketterling, Poŝtsekretario kaj I.ª Prezidanto samtempe Delegito de U. E. A. en Danzig, aŭ al S-ro Max Amort, Instruisto kaj I.ª Sekretario, samtempe Delegito de U. E. A. en Praŭst.



**Portugalujo - Lisboa**—Sekvo de la grava decido de la nacia Kongreso de Laboristoj, okazinta en *Coimbra*, 1919, en kiu oficiale Esperanto estis akceptita, kiel lingvo por eksterlandaj rilatoj, la Unua Kongreso de la Meblaj Laboristoj, okazinta en Decembro lasta, decidis, ke Esperanto estu en metita en la regularo de la tuj starigota Federacio. Tial en la artikolo 2-a oni legas:

«La Nacia Federacio de la Meblaj Laboristoj antaŭenpuŝos, kiel eble plej multe, la kreadon de lernejoj pri Esperanto por la laboristoj de tiu ĉi industrio por plifaciligi la internaciojn rilatojn.»

La valoro de la decido estas granda ĉar estas deviga postulo de la regularo, kiun la Federacio estas devigata plenumi.

Ĵus fondiĝis nova Grupo «La Vero». Nia afero antaŭenmarŝas.



**Aŭstrujo - Graz.**—Internacio Katolika (Ika), fondita en Hago, je Aŭgusto lasta, kaj benita de Lia Papa Moŝto, sukcese progresadas per konstanta uzado de Esperanto por kaj pro sia celo. Tuj post la fino de la U. K. de E. en Praha, okazos en Graz, de la 8.ª ĝis la 12.ª de Aŭgusto 1921, internacia Katolika Kongreso, kaj oni aranĝos specialajn konferencojn por la diversaj fakoj de la Katolika vivo, sed super ĉio, internacian porpacan konferencon, por kiu tuj oni starigis internacian komitaton.

Ĉi tiu internacia movado jam kalkulas naciajn direktorojn por 20 ŝtatoj: Vekiĝu samideanoj, propagandu kaj interesu la katolikajn junulsocietojn. Centrejo: Karmeliterplatz, 5. *Graz* - Aŭstrujo. (Sekretario Hanns Sappl.)



**Svisujo.**—En la «Journal de Genéve» de la 25.ª de Decembro lasta S-ro Saussure, la bedaŭrinde nelacigebla reformemulo, alinome «Antido», kaj fine aŭtoro de lingvoprojekto «Esperantida», aperigas artikolon «La Lingvo Internacia en la Ligo de Nacioj», kiu estas fundamentigita argumento favora je akcepto de lingvo neŭtrala por la Ligo; la artikolo kontraŭstaras tre fundamente la paroladon de S-ro Haunotaux kontraŭ Esperanto. Esperinde estas, ke S-ro Saussure sekvos la vojon de siaj kunlaborintoj en la «Esperantida Akademio» S-roj Roman Dabrowski kaj Weferling.



En la Baltikaj novaj nacioj, *Estonio, Latvio* kaj *Litovio* progresas Esperanto rimarkinde kaj ili celas, interkonsente kun «Finnlada Esperanto», ke ĉi tiu gazeto fariĝu oficiala organo por Baltikaj Landoj.

En Estonio, en ĉiuj poŝtoficejoj kaj fervojaj stacidomoj aperas elpendigitaj afiŝoj kun adresoj de Komitatanoj de Estonia Esperanta Unuiĝo «Espero», kiuj informos la interesatojn pri Esperanto.



En *Hungarujo*, spite nefavoraj cirkoustancoj, kontentige revekiĝas Esperanto. En *Bu*-

*dapest* bonege sukcesis *Zamenhofvespero* kaj poste *Silvester-festenon*. Kursoj komenciĝis ĉe «Ferlaborista kaj Komercoficista Societoj» kaj laŭ «Fakgazeto de Lignolaboristoj» ĉi tiuj entuziasme akceptas kaj eklernas nian lingvon.



En *Rusujo*, Esperanto fortiĝas denove pli kaj pli. En *Kronŝtadt*, aperas gazeto monata organo de la tiea Esp. Societo; en *Omsk* (Siberio) fondiĝis 16 grupoj. D-ro Fiŝer, el. *Tiflis*, kies du filoj estas en *Petrogrado* kaj kiuj tute amike interrilatas kun la reprezentanto de Sovieta registaro en Armenio, diras:

«Pri la enkonduko de Esperanto kiel deviga instrufako en la mezaj lernejoj de Rusujo, mi povas certigi, ke ĝi estas *nekontestebla fakto*. Havi al vi la koncernan gazeton, kie la dekreto estis publikigata, mi nuntempe ne povas, eble iom poste...» (3-XII-20).

En *Esp. Movado*, la monata organo de la Esp. Societo de Kronstadt—Sept. 1920—aperas la jeno: «Nun, tial ke Esperanto venkis ĉiujn konkurantojn, ĝi ĉesas esti celo kaj fariĝas netaksebla ilo por la tutmonda laborista movado...»



En *Usono* kaj *Kanado*, antaŭen marŝadas *nia afero*, ĉie la propagando de niaj samideanoj estas vigla, sukceso pri tiu propagando estis la fiŝkapta ŝipo «Esperanto», kiu lasta tempe venkis en internacia konkurso elektitan ŝipon de la kanada fiŝkaptistaro.



En la tuta *Anglujo*, la aktiveco agema de niaj samideanoj estas granda kaj fervora, Novaj grupoj en Coatbridge, Fleet, Hatfield, Ipswich, South London, Merthyr Tydfil. Northampton, Shipley, St. Helen's, St. Rollox kaj Torgnay.

«Skolta Esperantista Ligo», Tutmonda Asocio, multe progresis de post Julio 1920 kaj ĝia propagando senĉese atingas pli kaj pli sukceson. Skoltoj devos sin turnu al S-ro K. Graham Thomson, Subtrupestro, 40. —Oaklands Road, Bexleyheath—Kent-Anglujo.



En *Francujo* okazas same kiel ĉie, la esperanta movado kreskas senĉese; Esperanton antaŭenpuŝas nunaj vivcirkonstancoj kaj grupoj fortiĝas, kursoj funkciadas. Pro alvoko en la rusa gazeto «Luc» rusoj restintaj en diversaj lokoj de Francujo sin turnis al S-ro L. Argutin, aŭtoro de la alvoko, petante librojn por lerni Esperanton. Centra Oficejo sendia la librojn kaj S-ro Argutin kaj S-ino Cense gvidas la lernadon per korespondado.



La novaĵoj pri esperanta movado en *Belgujo* estas tre interesaj kaj kontentigaj. La plej granda sukceso por Esperanto estas la rezultato de enketo entreprenita de S-ro Schoofs pri aplikado en ĉiuj nacioj de leĝo pri deviga lernado kaj pri la procedoj efektivigotaj por ke ĉi tiu leĝo estu vere efika. S-ro Schoofs ricevis tre interesajn respondojn, kiuj tutplene kontentigis la komitaton pri Instruado. Jen, bona maniero por pruvi la efikon de Esperanto.



**Germanujo.** — La Germana Esperantista Ligo sukcesadas pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj. La respubliko de Brunswich sekvis la vojon de tiu de Hesse, kaj enkondukis Esperanton en la lernejoj kaj same faros la Saksa Ŝtato. La Ministro por la Poŝto kaj Telegrafo, pro pruvlaboro de la Ligo pri utilo de Esperanto, interesiĝis varme por nia afero. La Ligo fortiĝas pli kaj pli, ĝi sendis al gazetaro cirkulerojn petantajn publikigon de novaĵoj pri Esperanto kaj dudekvar ĵurnaloj sin deklaris favoraj je la peto.

En la lernejoj de Chemnitz oni instruas Esperanton al 1000 infanoj dank' al propagando kaj laboro de instruisto S-ro Kirchner.

★

**Silesio.** — Per decido de la 3.ª de Novembro, oni enkondukis Esperanton en la lernejojn de *Breslau*, kaj oni celas, ke granda nombro da infanoj konantaj Esperanton iru refortikiĝi eksterlanden.



En Bulgarujo ĵus oni fondis la unuan oficialan Esp. societon de lernantoj «Ni venkos!», en Karlovo, aprobita de la Ministerio de Publika instruado la 30.an de Januaro lasta kaj de la profesora gimnazia konsilantaro. La societo celas ankaŭ konfederacion el ĉiuj lernantoj, Esp. Grupoj en Bulgarujo. S-ro Iv: H. Krestanoff estas honora prezidanto. La komitato konsistas el gelernantoj. Kursojn gvidas S-ro Krestanoff.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid